Tiu-ĉi komedio estis prezentata je la unua fojo Parize, en la teatro de S$^{ino}$ Montansier, la 23$^{an}$ de Majo 1850.

Ĝin esperantigis kune S$^{ino}$ Blandin, F$^{inoj}$ Alice kaj Claire kaj Renée Bobet, F$^{ino}$ V. Desportes, S$^{ro}$ St. Durand, F$^{ino}$ Fourneret, F$^{ino}$ Girardot, S$^{ino}$ Goureau kaj S$^{ro}$ Kapitano Goureau, F$^{ino}$ Py, je la kurso de S$^{ro}$ R. Deshays, licea profesoro, en Chaumont 1903-1904.

E. LABICHE KAJ E. LEGOUVÉ

# Cikado ĉe Formikoj

UNUAKTA KOMEDIO



FRANCUJO. — HACHETTE et Cie, *PARIS.*

ANGLUJO. — « REVIEW of REVIEWS », *LONDON.*
DANUJO. — ANDR.-FRED. HÖST & SÖN, *KJOBENHAVN.*
GERMANUJO. — MÖLLER & BOREL, *BERLIN.*
HISPANUJO. — J. ESPASA, *BARCELONA.*
ITALUJO. — RAFFAELLO GIUSTI, *LIVORNO.*
POLUJO. — M. ARCT, *WARSZAWA.*

Eugene Labiche

(ĉu 1804)

# PERSONOJ

**Paŭlo de Vineuil** [1].
**Chameroj** [2], eksindustriisto.
**S° Chameroy**, lia edzino.
**Henrinjo**, ilia filino.
**Servisto.**

La agado okazas nuntempe en Parizo.

*Salono ĉe Chameroy. meblaro sen eleganteco. Skribtablo maldekstre, dekstre kanapo.*

1. Elparolu : Vinoj.
2. Elparolu : Samroa.

# CIKADO ĈE FORMIKOJ

UNUAKTA KOMEDIO

---

tapeto = Behangsel
tapiŝo = tapyt, Karpet

## SCENO Ia

CHAMEROY, Sino CHAMEROY

Sino CHAMEROY, tapetobrodante. borduren

Mia Dio, sinjoro Chameroy, kiel vi estas nerva hodiaŭ! Restu do trankvila!

CHAMEROY

Estas ja facile al vi, virinoj! Vi havas kvietigilon ĉiam pretan, vian tapeton! Sed ni, malfeliĉaj viroj, kiam io nin ekscitas... opwenden, prikkelen

Sino CHAMEROY

Kial vi ekscitiĝas?

CHAMEROY

Kial! en la tago, kiam mi edzinigas mian filinon!

Sino CHAMEROY

Unue, vi ankoraŭ ne edzinigas ŝin. Estas hodiaŭ la unua intervidiĝo grava....

CHAMEROY, paŝante al ŝi

Jes, sed kio okazos je tiu intervidiĝo? Nu! rememoru ni. Diru vi klare, kio interkonsentiĝis.

S^ino^ CHAMEROY

Kiam vi sidos.

CHAMEROY sidiĝante.

Jen. Nu!

S^ino^ CHAMEROY

Nu, nenio pli simpla. Sinjoro grafo de Vérac[1] diris hieraŭ nokte je l'eliro el Opero al sinjorino de Torcy[2], lia kuzino, ke li venos hodiaŭ je la kvara.

CHAMEROY

Kion pretekstante? ĉar precipe devas Henrinjo ne suspekti....

S^ino^ CHAMEROY

Konfidu do al mi. Li venos pretekstante lui la teretaĝon de nia domo sur la bulvardo Haussmann.

CHAMEROY

Perfekte! bonega objekto por interparolo, per kiu montriĝas karaktero, emoj, kutimoj, kaj kiu informos pri nenio Henrinjon... ĉar precipe ŝi devas ne suspekti....

S^ino^ CHAMEROY

Estu do trankvila!

CHAMEROY

Sed, ĉu Sinjoro de Vérac estis do kontenta nin vizitinte en nia loĝio? Ĉu Henrinjo plaĉis do al li, ĉar li revenas hodiaŭ?

S^ino^ CHAMEROY

Kredeble.

CHAMEROY

Mi estis tiel konfuzita ke mi nenion vidis. Je la kvara li venos? Kion mi faros ĝis la kvara por ne ekscitiĝi? Ho! kia ideo! Estos morgaŭ la 15^a^, mi tuj faros miajn lukvitancojn. (Li sin metas apud tablon.) Mi amas tiun labo-

1. Elparolo : Verak.
2. Elparolo : Torsi.

ron... ĝi mallacigas min. (Skribante.) « Mi subskribinta kvitancas ke mi ricevis de Sinjoro... »

Sino CHAMEROY

Ĉu vi luigis vian duan etaĝon?

CHAMEROY

Jes... ne interrompu min... (Skribante.) « Sen perdo pro la pasanta limtempo kaj rezervante miajn rajtojn.... » Estas mirige kiel tio min kvietigas!

Sino CHAMEROY

Tiel, jen kion mi ne komprenas!... por amuziĝo skribadi la kvitancojn de l'unua vortâ ĝis la lasta, kiam oni vendas tute presitajn!

CHAMEROY

Mi scias... Sed oni ne havas la plezuron ilin skribadi. (Skribante.) « Tri mil ». (Parolante.) Oni diras ke mono estas malboniga! Mono al vi ne redonata, jes!... Ĝi maldolĉigas, kolerigas.... Sed mono enspezata.... (Skribante.) « Tri mil du cent, plue la impostojn por pordoj kaj fenestroj ». (Parolante.) Nur farante tiun sumigon, mi sentas min pli bona!

Sino CHAMEROY

Estos longe por vi, kun viaj tri domoj.

CHAMEROY

Vi povas diri niaj tri domoj; ĉar ni honeste akiris ilin kune, per nia laboro, nia ŝparado, nia inteligenteco....

Sino CHAMEROY

Kiam mi pensas pri tio, ke ĉiuj en Saint-Quentin mallaŭdis mian patron donantan sian filinon al komizeto sen riĉeco!

CHAMEROY, stariĝante.

Mi havis ion pli bonan ol riĉeco.... mi havis talenton komercan... Via patro divenis min.... Li estis viro sen granda edukiteco, sen literaturo.

S^ino CHAMEROY

Ho!

CHAMEROY

Sed kiu havis rigardon ĝustan.... Grenvendisto en Saint-Quentin, kiu lasas dekkvin mil frankojn da rento al sia filino, ne estas malspritulo!

S^ino CHAMEROY

Li amis vin tree.

CHAMEROY

Mi pensas ke mi ĉiam honoris lian nomon. Per la sesdek mil frankoj, kiujn mi ricevis je via doto, mi prenis procenton ĉe fabriko en Roubaix [1]. Baldaŭ mia kapableco eksterordinara, mi kuraĝas tion diri, rimarkigis min; la kapitaloj prezentiĝis al mi, kaj mi fariĝis estro de unu el la plej gravaj manufakturoj en la urbo Roubaix.

S^ino CHAMEROY

Kompatindulo! Kiom vi laboris!

CHAMEROY

Tage kaj nokte! Sed mi ne bedaŭras, ĉar post dudektrijara laboro, mi povis eksiĝi kun riĉeco de cent kvindek mil frankoj da rento, tio estas tri milionoj.

S^ino CHAMEROY

Ŝt! pli mallaŭte!

CHAMEROY

Kial?

S^ino CHAMEROY

Se la servistoj vin aŭdus, ili pensus ke ni estas riĉaj, kaj ili ĉion disperdus.

CHAMEROY

Prave. Nu, kie do estas Alfonso, nia filo?

S^ino CHAMEROY

En Sorbono..., Li sekvadas kursojn.

1. Elparolu : Rube.

CHAMEROY

Kursojn!... junulo dudekdujara... kiu povus fabrikadi! Mi esperis lasi al li la firmon Chameroy.... estis mia revo!

S^ino^ CAHMEROY

Kion vi volas! ne ĉiu havas ideojn komercemajn : li amas sekvadi kursojn, tiu knabo!

CHAMEROY

Tranĉe ni parolu : li estas Sorbonmalsaĝulo!

S^ino^ CHAMEROY

Kion vi volas, amiko mia, ĉiu havas siajn malvirtojn.

CHAMEROY

Estas vere! necesas ja ke juneco pasu! Ŝt! Henrinjo.

---

## SCENO II^a^

La samaj, HENRINJO.
Ŝi paŝas al sia patro kaj kisas lin.

CHAMEROY

Nu, kial vi kisas min je tiu-ĉi horo?

HENRINJO

Mi forgesis kisi vin matene! mi pagas miajn ŝuldojn.

CHAMEROY

Jam la komercemo!

HENRINJO, al sia patrino.

Patrino, ĉu vi volas konduki nin al mia kurso je la kvara?

CHAMEROY, vivege.

Je la kvara? estas ne eble!

HENRINJO

Kial do?

S$^{ino}$ CHAMEROY

Ni atendas viziton!

CHAMEROY, vivege.

Luanton.

HENRINJO

Nu! mi petos la ĉambristinon ke ŝi min konduku.

CHAMEROY, vivege.

Ne eble! Vi devas esti ĉi-tie.

HENRINJO, ridante.

Mi, por fari la lukontrakton?

S$^{ino}$ CHAMEROY

Ne! Via patro volas diri.... ke estas pli bone ke vi atendu min.... Vi eniros tien, en la salonon, por eliri kun mi, je kvarono de la kvina. Metu vian bluan ĉapelon.

HENRINJO

Bluan ĉapelon! Tiu luanto, li estas do fianĉo?

GESINJOROJ CHAMEROY, mirege.

Fianĉo!

HENRINJO

Ĉu li estas la junulo kiu nin vizitis hieraŭ en nia loĝio?

CHAMEROY, konfuzegite.

En nia loĝio.... la junulo.... kiu.... kiel vi povis diveni?

HENRINJO

Ho! ne estas tre malfacile! Hieraŭ Paĉjo eniras dirante: « Mi kondukas vin vespere en Operon! » Paĉjo en Opero! Tio igas min suspekti. Mi rigardas kia prezentaĵo : *la Profeto*.... Mia suspekto pligrandiĝas! Ni alvenas, ni aŭdas l'unuan akton, la duan akton.... Paĉjo ne dormas! Mia suspekto fariĝas certeco. Je l'akto tria, Paĉjo malgajiĝas; li rigardas dekstren kaj maldekstren, kvazaŭ li atendus iun, kiu ne venas. Poste, subite, lia vizaĝo lumiĝas.... li ridetas al loĝio proksima kaj li puŝas min kubute,

pensante ke li puŝas vin, Panjo.... Post kvin minutoj, eniras en nian loĝion junulo kun Sinjorino de Torcy.... Jen Paĉjo ruĝiĝas, viŝas sian frunton kaj ekparolas pri Mejerbero! Tiu Sinjoro sin turnas al mi dirante : « Kia granda verko, la Profeto. Fraŭlino! » Kaj fine Panjo ĵus al mi diras : « Metu vian bluan ĉapelon! » Ho! tiufoje, estas tro klare!

S^ino^ CHAMEROY

Nu! vi ja estas mia filino! Vi estas tiel divenema....

CHAMEROY

Ke tio min timigas!

HENRINJO, ridante kaj lin kisante.

Kara Paĉjo mia! ĉar vi ne estas tre divenema, vi! De unu jaro, kiom vi montris al mi da fianĉoj, inkognite? Dekkvar!

CHAMEROY

Vere! Dekkvar! Mi enskribis ilin en mian notlibreton?

HENRINJO

Nu! ne estas unu, kiun mi ni divenis.

CHAMEROY

Kio igis vin diveni?

HENRINJO

Vi.

S^ino^ CHAMEROY

Tio min ne mirigas, li estas tiel mallerta!

HENRINJO

Kaj vi ankaŭ, Panjo!

CHAMEROY

Brave!

S^ino^ CHAMEROY

Kiel?

HENRINJO

En maldiskreteco, vi havas ĉiu vian manieron.

CHAMEROY

Nu! kia do estas la maniero mia, Fraŭlino?

HENRINJO

La via estas kortuŝiĝo. Kiam bofilo aperas sur la horizonto, vi venas al mi, vi ĉirkaŭprenas min dirante : « Ho! mi ja vin amas, jes! »

CHAMEROY

Nu, estas vere!.... Kaj pri via patrino?

S^ino CHAMEROY

Jes, pri mi?

HENRINJO

Ho! pri vi, estas la vestornamo, unue! « Mia filino, metu vian bluan ĉapelon! » Kaj ankaŭ la mistero! Vi eniras en la salonon kun letero en la mano, kaj, serioze : « Amiko mia, mi ĵus ricevis leteron el Saint-Quentin » Mi rigardas, ĝi estas la stampo Pariza.... Tiam, miaparte, mi vin helpas, mi prenas libron.... Kaj jen ambaŭ vi, antaŭ la fenestro, paroletas, murmuretas....

CHAMEROY

Sed ŝi estas do monstro, tiu-ĉi knabino, vidante ĉion, kaj nenion dirante....

HENRINJO

Precize tial ke mi nenion diras, mi vidas ĉion. La junulinoj ĉiuj estas samaj... kaj kiu estas kulpa? Vi ja gepatroj! Vi neniam informas nin, necesiĝas do ke ni divenu! Tial, se vi al mi kredas, tiufoje vi ŝanĝos la manieron.... kaj pri ĉi tio nin tri koncernanta.... ĉar fine (ridante) tio koncernas min ankaŭ iom.... ni ekagos triope!

S^ino CHAMEROY

Ŝi estas prava! (Ili sidiĝas triope sur la kanapon). Nu do, kiel vi opinias pri Sinjoro de Vérac?

HENRINJO

Mi opinias tre bone.

CHAMEROY

Tiel, vi donos vian konsenton?

HENRINJO

Mi pensas ke jes... Sed mi timas ke li ne donos la sian.

S^no CHAMEROY

Kial?

HENRINJO

Unue, li estas grafo, li estas nobelo.

CHAMEROY

Ni estas el la alta burĝaro... Ĝi ne estas malbona kunligo... Cetere mi konas nur unu nobelecon, la koran... Ni havas cent kvindek mil frankojn da rento.

S^ino CHAMEROY

Ŝt! pli mallaŭte!

HENRINJO

Jes, sed li! Hieraŭ mi sentis min iom ĝenata dum li ĉeestis. Mi sentis ke ni estas el alia societo ol li...

CHAMEROY

Kiel, el alia societo?

S^ino CHAMEROY

Fine, ni klare vidos, ĉar li venas hodiaŭ.

HENRINJO

Ĉu vi estas tre certaj? ĉu li venos?

CHAMEROY

Sinjorino de Torcy, lia kuzino kaj nia kamponajbarino, diris tion al mi, kaj ŝi estis skribonta hodiaŭ matene por fiksi precize la horon.

---

## SCENO III[a]

LA SAMAJ, SERVISTO.

LA SERVISTO

Letero por lia Moŝto, de sinjorino de Torcy.

CHAMEROY, vivege.

Donu! (Mallaŭte, al sia filino.) Ho! vi vidas ke li venos.

(La servisto eliras. Ili stariĝas triope.)

CHAMEROY, legante.

« Mia kara Amiko... » (Ĝoje) Ŝi nomas min sia kara amiko.

HENRINJO

Estas familie.

CHAMEROY

Tial ke ŝi pensas jam esti familiana! (Legante.) « Mia kara amiko, antaŭ ol vi iros je la kvara al ge-Chameroy... »

S[ino] CHAMEROY

« Ol vi iros »? Kion signifas tio? al kiu do ŝi skribas?

CHAMEROY, legante.

« Mi trovas utila sendi al vi kelkajn informojn precizajn, kiujn mi kolektis pri la familio Chameroy... » — Ĉu tiu letero ne estas por mi? (Relevante la koverton de la letero li legas.) « Sinjoro Chameroy. » (Parolante) Ho! mi komprenas! La kuzino eraris, ŝi sendis la leteron, kiu estis por ni, al Sinjoro de Vérac, kaj ŝi adresas al ni la lian. Estas eraro.

HENRINJO

Nu, Paĉjo, ni ne devas legi ĝin.

CHAMEROY

Sendube!... Tamen mi tre dezirus ekkoni la informojn kiujn ŝi donas pri ni.

HENRINJO

Por kia utilo?

CHAMEROY

Ili ne povas ne esti flataj... Mi legos nur la komencon. (Legante.) « Ge-Chameroy estas plej honestaj homoj sur la tero... »

HENRINJO

Tre bone... Mi haltus tie.

CHAMEROY, legante.

« La patrino komprenas bonege konfitadon... »

S[ino] CHAMEROY

Kiel?

CHAMEROY, legante.

« La patro arteskribas mem siajn kvitancojn. »

HENRINJO, ridante.

Tio ja estas vera.

CHAMEROY, legante.

« La filo estas bona junuleto kiu prenas omnibuson por iri al la kurso... »

S[ino] CHAMEROY

Ŝajnas kvazaŭ ŝi mokus nin.

CHAMEROY, legante.

« Tiuj Ge-Chameroy... » (Parolante.) Tiuj Ge-Chameroy! (Legante.) « Tiuj Ge-Chameroy havas trimilionan riĉecon, sed ili ŝajnas esti kreitaj kaj naskitaj por pravigi tiun sentencon, ke por certaj personoj estas pli malfacile elspezi monon ol akiri ĝin. » (Parolante.) Kion ŝi volas diri?

HENRINJO

Mi ne komprenas.

CHAMEROY, legante.

« Ilia ĉambraro estas ilia portreto. Iliaj mebloj similas ilin : tio estas fortika, bonefarita, neŝanĝiĝa kaj malbelega! »

S$^{ino}$ CHAMEROY

Kiel! Kaj ĝi estas nia portreto?

CHAMEROY, legante.

« La festentagojn, la vespermanĝo Chameroy-a senescepte konsistas el dika lumbaĵo kun fungoj kaj hinda kokino rostita kun kaŝtanoj. »

HENRINJO

Sed kie ŝi eksciis ĉion-ĉi?

S$^{ino}$ CHAMEROY, prenante de sia edzo la leteron, kaj legante.

« Tiuj Ge-Chameroy havas ĉevalaron konsistantan el du dikaj ĉevaloj Perŝaj... »

CHAMEROY

Ŝi konas la tutan familion.

S$^{ino}$ CHARMEROY, daurigante.

« Unu dekdujaran, l'alian dekkvarjaran... »

HENRINJO

Eĉ la aĝon de niaj ĉevaloj!

S$^{ino}$ CHAMEROY, legante.

« Tiuj bestoj mirigitaj kial ili ne plugas.... »

CHAMEROY

Plugi! niaj ĉevaloj!

S$^{ino}$ CHAMEROY, legante.

« Neniam eliras la pluvajn tagojn, nek la glitajn, nek la sunvarmajn. »

CHAMEROY

Sed ĝi estas spionado!

S$^{ino}$ CHAMEROY

Ho! ŝi ekincitas miajn nervojn, la kuzino! (Legante.) « Fine, kaj por sume diri, mi ne povas pli bone kompari tiun industrieman familion ol kun nesto de formikoj.... »

HENRINJO

Formikoj!

CHAMEROY, reprenante de sia edzino la leteron.

Formikoj! (Legante.) « Kiuj ĉiam kolektadas, amasigadas, kaj nonas nek elspezon, nek ripozon, nek plezuron. Mi eksciis tiujn intimaĵojn per servisto, kiun ili forsendis, kaj kiu sin prezentis ĉe mi.

S^ino CHAMEROY

Tiu mallaboremulo Baptisto! Ĉio klariĝas.

CHAMEROY, legante.

« Vi devas mem vidi, mia kara kuzo, ĉu konvenas al vi aniĝi en tiun-ĉi formikaron. »

S^ino CHAMEROY

Nia domo! formikaro!

CHAMEROY

Jen malrespekta kuzino! Ŝi kulpigas min ke mi ne scias elspezi! Ŝi nomas min formiko! min! Sed per unu vorto mi povus ŝin konfuzi.... Mi ĵus faris mian jaran bilancon, hodiaŭ matene.... Mi nenion kaŝas por vi. (Malfermante libron sur la tablo.) Jen estas mia Granda Libro, tuj vi vidos....

HENRINJO

Ho! Paĉjo, mi komprenas nenion pri tio.

CHAMEROY, ĉe sia skribtablo.

Jes, jes, mi volas. Enspezoj : cent kvindekdu mil kvincent dudek sep frankoj; elspezoj : cent kvardek naŭ mil okcent dekkvar frankoj. Tio estas ciferoj.

HENRINJO

Kiel, Paĉjo, ni elspezis cent kvardek naŭ mil frankojn?

CHAMEROY

Kaj ok cent dekkvar frankojn! ne monereton malplie aŭskultu la detalaron.... Jen! « Je la deksesa de Januaro aĉetis tridek akciojn de la Norda trideksep mil kvincent frankojn — je la deksesa de Aprilo (la morgaŭa tago de la lupagdato) sesdek de la Suda : kvardekkvar mil sep

cent frankojn — je la deksesa de Julio (ĉiam, la morgaua tago de la lupagdato), sesdek obligaciojn de la Okcidenta : tridekok mil du cent dudek frankojn. » Oni ne imagas kiel mono forrapidas :

HENRINJO

Sed, Paĉjo... tio ne estas elspezo, ĝi estas procente donoj.

CHAMEROY

Tio eliras tamen el la kaso.

HENRINJO

Sed....

CHAMEROY, stariĝante kaj pasante dekstren.

Vi ne konas la kalkularton... Ho! mi estas tiel kolera... « Formiko! » Pro iometo mi dirus adiaŭ al sinjoro de Vérac kaj al lia kuzino!

HENRINJO

Ne tiel rapide!

CHAMEROY

« Formiko! » Mi! sed, jen mia libro!

HENRINJO, sidante antaŭ la skribotablo.

Mi ne estas tre klera kalkulistino, Paĉjo mia... (Prenante la libron.) sed, se mi sumigas vian libron, mi vidas ke vi elspezis dudek naŭ mil tricent naŭdek kvar frankojn, kaj ke vi procentedonis cent dudek mil kvar cent dudek...

CHAMEROY

Ne! estas ne eble.

HENRINJO

Kontrolu!

CHAMEROY, rigardante sian libron.

Ni vidu!... Norda... Suda... obligacioj de Okcidenta... garantioj! estas tamen vere!

HENRINJO

Sekve, la kuzino estas prava, ni ne scias elspezi.

CHAMEROY

Alie dirante, ni estas formikoj! Dankon.

S^ino CHAMEROY

Mi tre volus trovi rebaton al la insulta letero de sinjorino de Torcy.

CHAMEROY

Mi donus.... cent mil frankojn.... por ĉesigi ŝian babilon.

HENRINJO

Estus ja rimedo.... Sed ni ne povos....

CHAMEROY

Kia? parolu!

HENRINJO, Paŝante al li.

Ni devus... forlasi niajn modestajn kutimojn... ŝanĝi la irmanieron de nia domo,...

CHAMEROY

Ni ŝanĝos.... « Formiko! »

HENRINJO

Ekzemple, nia malnova flava kaleŝo....

CHAMEROY

Mi repentrigos ĝin! ĉu vi volas ke mi diru al vi? Via patrino ja estas kulpa pri ĉio! Ŝi vidas mallarĝeme... ŝi estas malgrandanima! Ŝi estas formiko!... Sed, de hodiaŭ, mi prenas la domregadon, kaj....

HENRINJO

Kaj.... Kion vi faros?

S^ino CHAMEROY

Jes, kion vi faros?

CHAMEROY

Mi ne scias... sed se la luintoj pagos bone....

HENRINJO

Vi aĉetos plue obligaciojn! Jes, la elspeza arto estas

kiel la talento fortepiana... oni devas komenci tre juna.

CHAMEROY

Sed tiel, kion fari?

---

## SCENO IVa

La samaj, La servisto.

LA SERVISTO, entrante.

Unu sinjoro petas la permeson vidi Lian Moŝton.

CHAMEROY

Lia nomo?

LA SERVISTO

Jen estas lia vizitkarto.

CHAMEROY

Paŭlo de Vineuil.... Kie do mi vidis tiun nomon?... Enirigu.

HENRINJO, al sia patrino.

Kaj mia kurso!... kaj mia libro?... ho! jen ĝi esta!

La servisto eliras. Henrinjo kaj sinjorino Chameroy sidiĝas sur la kanapon.

---

## SCENO Va

La Samaj, PAŬLO.

PAŬLO

Sinjoro Chameroy?

CHAMEROY

Ĝi estas mi, Sinjoro; per kio mi povas servi al vi?

PAŬLO

Sinjoro, vi havas en la manoj kambion subskribitan « Paŭlo de Vineuil ».

CHAMEROY, flanken.

Ho, ĝi estas tio! (Laŭte.) Pagotan post tri monatoj.

PAŬLO

Precize. Mi venas peti vin....

CHAMEROY

Por ĝin prokrasti, sinjoro? tre volonte!

PAŬLO

Por permesi al mi plifruigi la pagon. Mi forveturas Pikardujon, mi tie restos eble iom da tempo, kaj mi dezirus ricevi kvitancon antaŭe.

CHAMEROY

Mi iras preni la kambion.

Li eliras.

S[ino] CHAMEROY

Volu do sidiĝi, Sinjoro.

PAŬLO, sidiĝante.

Sinjorino...

S[ino] CHAMEROY

Sinjoro, ĉu vi permesos al mi demandi vin en kiun parton de Pikardujo vi veturos? Mi estas Pikarda, kaj....

PAŬLO

Proksime de Saint-Quentin, sinjorino.

S[ino] CHAMEROY

Mia naskiĝa urbo!

PAŬLO

En la bienon de Vérac.

S[ino] CHAMEROY

Kiu apartenas al la familio de sinjoro de Vérac, el la ministrejo de Eksterlandaj Aferoj?

PAŬLO

Precize, Sinjorino.

S^ino CHAMEROY

Ĉu vi konas lin, Sinjoro?

PAŬLO

Li estas mia plej bona amiko. Sed vi mem, Sinjorino?

S^ino CHAMEROY

Mi konas lian familion. (Ŝanceliĝe.) oni diras ke li edziĝas.

PAŬLO

Vi scias tion, Sinjorino? Nu vi povas liberigi min de granda maltrankvileco.

S^ino CHAMEROY

Kiel?

PAŬLO

Sinjoro de Vérac ne volis diri al mi la nomon de la familio kun kiu li sin interligas... kaj iaj diroj mondaj igas min timi ke tiu familio...

S^ino CHAMEROY

Ke tiu familio....

PAŬLO

Konvenas nur duone al viro tiel malordinare eleganta kaj tiel distinginda kiel Sinjoro de Vérac... Oni diras ke la patro estas iom vulgara.... la patrino iom avara, kaj la filino iom mallerta.

S^ino CHAMEROY

Ho!...

---

## SCENO VI^a

La Samaj, CHAMEROY

CHAMEROY

Jen estas la kambio, Sinjoro.

PAŬLO

Sinjoro, jen estas la mono.

CHAMEROY

Tre bone.... Ho, pardonu, sinjoro, estas eraro... La procento....

PAŬLO

La procento estis, mi pensas, kvin por cent....

CHAMEROY

Jare!... nu vi pagas al mi trimonatojn pli frue, sekve vi ŝuldas al mi ducent frankojn malpli, kiujn mi redonas al vi....

PAŬLO

Sed, Sinjoro, estas mia kulpo, ke...

CHAMEROY

Pardonu, Sinjoro, mi ne estas procentegisto.

PAŬLO

Fakte... mi agus kiel vi, Sinjoro, (Ridetante.) se mi havus kambiojn por ricevi anstataŭ pagi. Mi do akceptas simple kion vi proponis al mi simple, kaj mi nur petas vin permesi al mi premi vian manon.

CHAMEROY

Trevolonte. (Flanken.) Ĉarma junulo!

PAŬLO, flanken.

Familio de bonaj homoj! (Salutante.) Sinjorino, Fraŭlino! (Li ekforiras.)

S^ino CHAMEROY haltigante lin.

Unu momenton ankoraŭ, sinjoro, mi petas vin! (Al sia edzo.) Amiko mia, la Sinjoro konas intime Sinjoron de Vérac.

CHAMEROY, vivege.

Ho!

S^ino CHAMEROY

Oni multe parolis al li pri la familio kun kiu li sin interligas.

CHAMEROY

Ho!

S^ino CHAMEROY

Oni diris al li ke la patro estas vulgara, la patrino avara, kaj la filino mallerta.

CHAMEROY, vivege.

Kiu do diris ke mia filino estas mallerta?

PAŬLO, konfuzegite.

Kiel, Sinjoro! vi estas... kiu... Mi ne diris ke... Ho, ĝi estas perfido!

CHAMEROY

Neniel, neniel, ĝi estas servo kiun vi faras al ni.

PAŬLO, vivege.

Ne sinjoro de Vérac parolis al mi tiel.... Sufiĉas al mi vidi... kion mi vidas, por montri al mi l'absurdecon de tiu riproĉo, kaj mi estus treege ĉagrenita se unu vorto malsukcesigus edziĝon tiel....

CHAMEROY

Male! Je vi mi konfidas por sukcesigi ĝin.

PAŬLO

Klarigu.

CHAMEROY

Ĉu vi scias kial Sinjoro de Vérac ŝanceliĝas? Ne tial ke mi estas vulgara, rigardu min! nek tial ke mia filino estas mallerta, vi vidas ŝin; nek tial ke mia edzino, estas... ĉar ŝi ne estas tia!... Ŝparema, jes! nedonema, eble!...

S^ino CHAMEROY

Kiel, nedonema?

CHAMEROY

Sed avara, ne!... Oni riproĉas nin ke ni similas formikojn, ke ni sciis amasigi monon, sed ne scias ĝin elspezi. Mi tamen ne povas ĝin manĝi, mian monon! Nu! Mi prenas vin kiel juĝanton.

PAŬLO

Min?

CHAMEROY

Jes, vin! Vi estas juna, vi estas amiko de sinjoro de Vérac... vi scias...

PAŬLO, ridante.

Mi rifuzas! Mi rifuzas! Ho bona Dio! Kara Sinjoro, vi ne scias al kiu vi vin turnas! Estas kvazaŭ Formiko petus pri konsilo Cikadon!

CHAMEROY

Sed...

PAŬLO, ridante.

Sed mi vin terurtremigus, se mi dirus al vi kia mi estas... Kion mi faris!

CHAMEROY

Kion do vi faris?

PAŬLO

Mi formanĝis cent mil frankojn da rento dum ses jaroj!

CHAMEROY

Cent mil frankoj da rento, tio estas du milionoj.

PAŬLO

Precize.

S^ino^ CHAMEROY

Kaj oni ne trudis al vi zorganton?

PAŬLO

Mi ne havis familion.

CHAMEROY

Kaj vi parolas pri tia malfeliĉo ridante?

PAŬLO

Kial vi volas ke mi ploru? Mi reĝe min amuzis dum ses jaroj! Mi nenion rifuzis al mi! Mi nenion bedaŭras.

CHAMEROY

Sed kiel vi povis elspezi du milionojn?

PAŬLO

Mi povus diri ke mi dotis virgulinojn, sed vi ĝin eble

ne kredus... Amo por la belo pereigis min!... La belo estas tiel kara!... la vera belo!...

S^ino CHAMEROY, al sia filino.

Henrinjo, iru alporti mian tapetaĵon!

PAŬLO

Restu, restu, Fraŭlino. (Al Sinjorino Chameroy.) Tio, pri kio mi parolas, estas belaj pentraĵoj, belaj statuoj, belaj ĉasadoj, belaj festoj! Ĉiam manĝoĉambro malfermita, kaj monujo ankaŭ malfermita. Mi multe pruntis kaj iom donis. Dio min gardu ŝajnigi min kvazaŭ mi estus Sankta Vincento de Paŭlo, sed mi pensas ke mi neniam renkontis bonulon embarasatan al kiu mi ne prezentis la manon por fortiri lin el malfacileco.

CHAMEROY

Vi bone sukcesis! Via vice, vi estas malriĉa, tio estas dependanta de ĉiuj.

PAŬLO, vivege.

Mi dependas de neniu, mi bezonas neniun kaj mi petas neniun! Ho! permesu, Sinjoro!... Mi esperas ke mi neniam estis fiera dum mi estis riĉa; sed, de kiam mi ne estas tia, estas malsame. Mi konsentas simili cikadon somere, kiam ĝi kantas; sed neniel vintre, kiam ĝi almozpetas.

S^ino CHAMEROY

Sed, kiel vi faras?

CHAMEROY, invitante lin sidiĝi.

Jes, kiel vi faris?

PAŬLO, gaje sidiĝante.

Tio vin interesas? Estas ja simple : alvenante al miaj lastaj mil frankoj, mi haltis decide. Mi faris plenvendon kiu produktis du cent du dek mil frankojn.

CHAMEROY

Sen la elspezoj?

PAŬLO

Sen la elspezoj. Tiam, mi ordigis mian budĝeton kiel libron de bankisto... Unue, nenia ĉambraro plu! mi loĝas en mia klubejo... kvin frankojn ĉiutage por unu ĉambro... Tagmanĝo, du ovoj kaj taso da teo, du frankojn; vespermanĝo, sep frankojn : sume, dekkvar frankojn ĉiutage, aŭ kvarcent dudek frankojn ĉiumonate, aŭ kvinmil kvardek frankojn ĉiujare... Plue, elspezoj neantaŭvitaj... flankaj elspezoj...

CHAMEROY

Tio faras ses mil frankojn.

PAŬLO

Jes, ses mil. Restas do ankoraŭ kvinmil frankoj, kiuj sufiĉas al mi por konservi mian lokon, mian loketon, en la mondo eleganta kaj bongustema. Nun, mi aĉetas nur unu veston, sed Arohnson ankoraŭ ĝin sendas al mi. Nun mi fumas nur unu cigaron ĉiutage, sed ĝi estas vera habana, mi ne havas plu ĉevalojn, sed mi havas pluvombrelon....

CHAMEROY

Artaĵon, sendube.

PAŬLO

Vidu!... Midi ne povas plu doni, sed mi donigas. Mi ne povas plus aĉeti, sed mi rigardas kiel aliaj aĉetas. Jes, kiam estas bela kolekto en l'aŭkciejo, mi tien kuras! Kaj se pentraĵo plaĉas al mi... mi pliproponas... interne! Fine, ĉar oni devas havi pli ol unu ŝnuron al sia pafarko, mi decidis elekti profesion.

CHAMEROY, stariĝante kaj metante la pluvombrelon apud la kamenon.

Profesion! tre bone! Kian?

PAŬLO

Mi fondis oficejon.

CHAMEROY

Komercan?

S^ino CHAMEROY

Komercan?

PAŬLO

Jes... komercan senpagan! Miaj flatantoj, kiam mi havis flatantojn, nomis min artisto elspeza. Mi do, fariĝis elspezisto... konsilanta. Tuj kiam miaj amikoj havas hotelon mebligotan, parkon desegnotan, bienon aĉetotan... ĉar oni scias ke mi estas iom bongusta, oni alvokas min! Oni donas al mi krediton, mi ĝin transpasas! Mi imagas al mi ke mi estas ia financa ministro. La monon de aliaj mi movadas, sed ĝi estas tamen mono!... Kaj, kiam mi elspezis cent mil frankojn de amiko dum unu tago, mi estas kiel Titus, mi ekdormas ja kontente.... Mi estas milionulo... in partibus!

CHAMEROY

Certe, la ĉielo ja vin sendas. Donu al ni konsilon.

PAŬLO

Kiel?

CHAMEROY

Ni ne scias elspezi, instruu nin.

S^ino CHAMEROY

Jes, ĝi estas por la utilo de via amiko, Sinjoro de Verac.

PAŬLO

Sed...

HENRINJO

Vi ne povas rifuzi, Sinjoro, ĝi estas via profesio.

PAŬLO

Nu, tio estas iom neordinara!... Sed unue, ni vidu. (Al Chameroy.) Ĉu vi multe deziras tiun edziĝon?

CHAMEROY

Multege.

S^ino CHAMEROY

Multege.

PAŬLO (al Henrinjo).

Kaj vi, Fraŭlino?

HENRINJO

Mi vidis Sinjoron de Vérac nur unu fojon, en teatro; sed li ŝajnis al mi distinginda laŭ manieroj, spirito kaj koro.

PAŬLO

Oni ne povas plibone diri. Tiel do, ni laboru! (Li rigardas ĉirkaŭen). Oni devas unue elspezi en tiu saloneto.

GESINJOROJ CHAMEROY

Kiom?

PAŬLO

Ni vidos baldaŭ... Kio estas tiu horloĝo?

CHAMEROY

Bronzaĵo, por kiu mi pagis okcent frankojn! Marius sur la ruinoj de Kartago!

PAŬLO

Por resendi Kartagen!

HENRINJO

Des pli bone! tio ĉiam malplaĉegis al mi.

PAŬLO

Unu el miaj amikoj havas ĉarman modelon kiun li volas forigi. Ni metos ĝin anstataŭ Marius.

S^ino CHAMEROY

Kaj la prezo?

PAŬLO

Ho! mi ne scias! Ĝi estas malgravaĵo! (Li ĉirkaŭrigarda.) Kion mi vidas? Meblotegon? Ni forprenu la meblotegojn! (Li forprenas meblotegon kaj remetas ĝin rapide.) Ne, ne, ni remetu ilin! (Ridante.) Ho! estas admirinde! Vi eluzis viajn meblotegojn, kaj viaj meblotegoj eluzis viajn meblojn! Sed, vere, ne estas tre domaĝe, ili estas tiel malbelaj; tiel malnovaj!

S^ino CHAMEROY

Kiel? tiel malnovaj! Ili venas de mia patrino.

PAŬLO

Precize! Ili estus pli beletaj kaj pli novaj se ili venus de via avino! Mi vidis hieraŭ ĉarmegan meblaron. Ni metos ĝin tien.

GESINJOROJ CHAMEROY

Sed la prezo, la prezo?

PAŬLO

Mi ne scias. Vi vidos ja pagante.

GESINJOROJ CHAMEROY

Kiel?

HENRINJO

Sed, lasu do la sinjoron paroli.

PAŬLO, rigardante.

Ho! malbelega papero! Ni kaŝos ĝin sub belaj tapetaĵoj malnovaj... verdaĵoj!

GESINJOROJ CHAMEROY

Verdaĵoj!...

PAŬLO

Anstataŭ tiu tablo, belan skribtablon de Riesener... sur tiujn ĉi murtabletojn (Ili ne estas malbelaj, tiuj tabletoj.) belajn florvazojn fajencajn el Rouen, kun floroj. Car vere, ĝi estas rimedplena, tiu saloneto.

S[ino] CHAMEROY

« Rimedplena » estas ĉarme!

PAŬLO, rigardante ankoraŭ.

Tien-ĉi, eble lustreton... ni ne metos pentraĵojn.

GESINJOROJ CHAMEROY

Ne pentraĵojn, ne pentraĵojn!

PAŬLO

Nu, sur tiun murkvadraton, tabuletaron kun luksaĵetoj. kelkaj belaj Saksporcelanaĵoj... antikva statueto...

S[no] CHAMEROY

Antikva statueto!

CHAMEROY

Sed, la sumo?

PAŬLO, ridante.

La sumo! la sumo! Oni neniam aĉetus se oni pripensus antaŭe kiom oni devos pagi poste.

S^ino^ CHAMEROY

Sed, tamen?...

PAŬLO

Nu, inter dudekkvin kaj sesdek mil frankoj.

CHAMEROY (ekkriante).

Ho! ho!

PAŬLO

Eble malpli. Ni vidos.

S^ino^ CHAMEROY

Jes, jes!... ni vidos, ni serĉos... ni pripensos...

PAŬLO

Kiel! pripensi? serĉi? (Eltirante sian poŝhorloĝon.) Estas tagmezo : estas necese ke je la tria ĉio estu farita.

GESINJOROJ CHAMEROY

Kiel? je la tria?

PAŬLO

Sinjoro de Vérac estas tre prenebla per l'okuloj... la unua ekrigardo estas multe por li. Estas necese ke enirante, li estu logata, ĉarmata de la kadro (Rigardante Henrinjo.) kiel de la pentraĵo! Nu, nu, ni laboru!...

CHAMEROY, konfuzegite.

Sed, Sinjoro...

PAŬLO

Ho! mi faris ja multe plie!.. Donu al mi skribilaron.

Li sidiĝas al la skribtablo.

CHAMEROY (donante ĝin).

Jen, Sinjoro.

---

## SCENO VII^a

LA SAMAJ, LA SERVISTO

CHAMEROY, al la servisto.

Kio estas?

LA SERVISTO

Oni venas pri respondo por la peto de hieraŭ vespere.

S^ino CHAMEROY

Kia peto?

CHAMEROY

Vi ja scias!... de tiu prunta societo por loĝigo de novaj koloniistoj en Alĝerio.

PAŬLO, dume skribante.

Mi konas tiun societon!

S^ino CHAMEROY

Kion ĝi volas, tiu societo?

CHAMEROY

Ĝi estas prunta societo, ĝi volas ke mi pruntu al ĝi.

S^ino CHAMEROY, al la servisto.

Estas nenia respondo.

PAŬLO (dume skribante).

Kiel? vi rifuzas? tiel bonkora entrepreno!

S^ino CHAMEROY

Ĉiam estas duona disfandiĝo en tiuj bonkoraj entreprenoj.

PAŬLO, ankoraŭ skibante.

Vi volas lerni la elspezadon, estu malavara!

HENRINJO

Vi ne volas simili formikojn, estu pruntema!

S^ino CHAMEROY

Pruntema! pruntema!

HENRINJO

Ho! Panjo, Vi, kiu estas tiel bona, kiu donas tiom al la malriĉuloj de Saint-Quentin!

S^ino CHAMEROY

Unue, ĝi estas en Saint-Quentin! Poste, prunti kaj doni estas du malsimilaj aferoj prunto estas komerco, kaj komerco devas esti bona!... Sed, al tiuj koloniistoj, sur kio mi pruntos?

PAŬLO, ankoraŭ skribante.

Sur ilia laboro, sur ilia honesteco.

S^ino CHAMEROY

Malbona hipoteko! nur la naiveguloj faras similajn pruntojn!

PAŬLO

Jes, sinjorino Chameroy, la naiveguloj! jes, la sankta armeo de la naiveguloj! Penu aniĝi inter ili, kara sinjorino Chameroy! ĉar la naiveguloj estas tiuj kiuj al io kredas; kiuj por io sin oferas; kiuj pruntas ja sciante ke oni ne redonos; kiuj donas sciante ke oni neniam estos danka; kiuj fidas je l'amikeco, je l'amo, je l'honesteco! Kiu faris la plej grandajn agojn en tiu-ĉi mondo? Naiveguloj! La turmentitoj? naiveguloj! La herouloj? naiveguloj! Kaj, Dio volu ke iam, faronte servon, donante pruvon de sindono, mi sufiĉe forgesu ĉiujn leĝojn de singardemo por ke oni diru pri mi : « Kia naivegulo! »

CHAMEROY

Nu! mi ankaŭ volas esti naivegulo!

PAŬLO

Bonege! ni faros ion el vi!

CHAMEROY, al sia filino.

Iru diri al la persono kiu atendas, ke la formiko subskribas por tri mil frankoj.

PAŬLO, al Henrinjo.

Fraŭlino, volu aldoni tiujn du cent frankojn kiujn mi ne atendis, almozeton de malriĉulo.

HENRINJO

Korege, Sinjoro. (al Chameroy) Vi estas amatulo-patro!
(Ŝi eliras.)

PAŬLO

Nun, ni finu la laboron. Ni havas apenaŭ sufiĉan tempon.

HENRINJO, reenirante.

Jen. Interkonsentite.

PAŬLO

Sonorigu al la tuta servistaro!

CHAMEROY, prenante la leterojn.

Donu, donu! Mi prenas ĉion sur min.... Formiko!
(Li eliras.)

---

## SCENO VIII[a]

LA SAMAJ, krom CHAMEROY.

PAŬLO

Pri mi, sinjorinoj, mia tasko finiĝis.
(Li ekeliras.)

HENRINJO

Ne ankoraŭ, sinjoro.

PAŬLO

Kiel? Kion vi volas diri?

HENRINJO

Mi volas diri, Sinjoro, ke tio, kion vi ĵus faris, certe estas tre grava.... ke estas ja tre utile beligi tiun salonon.... ornami tiun kamenon.... ĉien meti florojn kaj bonguston; tamen ne kun tiu salono Sinjoro de Vérac

volas edziĝi, sed kun mi kaj por kio utilos ŝanĝi la domon se la loĝantino estas ankoraŭ la sama, sekve maîlerta!

PAŬLO

Ho! Fraŭlino! Fraŭlino!

HENRINJO

Ho, vi ĝin diris, Sinjoro! kaj mi ne iluziiĝas. Mi scias tre bone ĉion, kio mankas al mi.

S[ino] CHAMEROY

Kio mankas al vi! Mi tre volus ekscii!

HENRINJO

La Sinjoro tion diros.

PAŬLO

Sed, Fraŭlino....

HENRINJO

Ho! ne eble estas rifuzi. Ĉu Sinjoro de Vérac estas via amiko? Jes. Ĉu vi deziras ke mi plaĉu al li? jes. Nu, helpu min por plaĉi al li.

PAŬLO, *flanken.*

Kian strangan rolon ŝi al mi trudas!

HENRINJO

Nu, rigardu min kiel vi ĵus rigardis tiun salonon, kaj diru al mi ĉion!... ĉion!... (*Ŝi metas sin antaŭ lin.*) Nu?

PAŬLO, *ŝin rigardinte.*

Nu mi konfesos ke la kapornamo,...

S[ino] CHAMEROY, *ekridegante.*

Ho! ho! admirinde! Mi estis certa ke li enŝlimiĝos!.... Eksciu, Sinjoro, ke mi speciale venigis hodiaŭ matene kombiston, kombiston al kiu mi pagis ses frankojn.

PAŬLO

Precize ĝi estas kapornamo de kombisto. Oni ne senta manon junulinan. Tiuj haroj sur la frunto donas al vi fizionomion kiu ne estas la via! Tiu buklo antaŭe....

HENRINJO

Ho! mi komprenas, mi komprenas! (Rigardante en la spegulon kaj kombante sin.) Vidu, tiel?

PAŬLO

Tre bone nun!

HENRINJO

Kaj tiel?

PAŬLO

Mirinde!

HENRINJO

Nu, precize tiel mi faras ĉiutage, kiam mi min kombas mem!... Poste?

PAŬLO

Kiel, poste?

S^ino CHAMEROY

Jes, poste?

HENRINJO

Estas certe multaj aliaĵoj.

PAŬLO

Estas ankaŭ... la robo... kiu fabrikis al vi tiun robon?

S^ino CHAMEROY

Ĝi estas....

PAŬLO

Ĝi estas krimo! tian talion en tiun korsaĵon! Mi turnigos vin al persono mirinda kiu multe laboris por mi.

HENRINJO

Kudristino?

PAŬLO

Jes, la reĝino de la kudristinoj.

HENRINJO, ridante.

Kaj ŝi laboris por vi?

PAŬLO, embarasate.

Por mi... por mi... mi volis diri por kuzino, juna kuzino, kiun ŝi tute aliigis....

HENRINJO

Ni tion vidos poste;... kaj plue?

PAŬLO

Plue?

HENRINJO

Tio nur komencas. Vi ĝis nun donis al mi nur konsilojn koketecajn... kaj ne sufiĉas ke virino estu bone kapornamita... bone vestita, por plaĉi al honesta viro kaj lin feliĉigi!... ĉar mi volas ke mia edzo estu tre feliĉa, mi volas ke li amu min ĉiumaniere... per siaj okuloj, per sia koro kaj per sia spirito.

S[ino] CHAMEROY, kortuŝite.

Kiel ŝi estas ĉarma!

PAŬLO

Nu, Fraŭlino, Sinjoro de Vérac havas profundegan amon en sia vivo. Li amegas sian patrinon kiu estas iom maljuna, iom kripla, kaj kiu jam havas nur du plezurojn en tiu ĉi mondo, aŭdi kanti kaj aŭdi legi. Ĉu vi havas beletan voĉon?

S[ino] CHAMEROY

Voĉon belegan! precize la mian, kiam mi estis juna.

PAŬLO

Nun, ĉu vi scias legi?

S[ino] CHAMEROY, indignante.

Kiel! ĉu ŝi scias legi? Kiel vi juĝas nin? Informiĝu, Sinjoro, ke mia filino estas edukita en la plej bona edukejo de Parizo! Kaj ke ŝi sekvas ankoraŭ kurson literaturan.

(Ŝi prenas la libron kiu kuŝas sur la tablo.)

HENRINJO

La Sinjoro demandas kiel mi legas.

S[ino] CHAMEROY

Ŝi legas! ŝi legas! kiel ŝi parolas!

PAŬLO

Ho! se estus vere! Ni ja tuj vidos. (Ekvidante la libron kiun tenas S^{ino} Chameroy.) Kia estas tiu libro? Leteroj elektitaj de Sinjorino de Sévigné [1]! Perfekte! La pasio de Sinjorino de Vérac. (Li malfermas la libron.) La letero pri la ĉefepiskopo... jen.

HENRINJO

Kiel? legi laŭte?

PAŬLO

Jes.

HENRINJO

Antaŭ vi? ho! vi tro timigus min!

PAŬLO

Estas nenia kaŭzo... komencu!

HENRINJO

Kiel! vi volas?...

PAŬLO

Nu, kuraĝe!

HENRINJO

(ŝi prenas la libron kaj legas lernuline, knabinete, sennuance kaj poŝtrapide).

« La ĉefepiskopo de Reims revenis hieraŭ tre rapide el Saint-Germain... vera turnovento! li pensas ke li estas granda Moŝto, sed liaj servistoj tion kredas eĉ pli ol li. Ili pasis tra Nanterre tra! tra! tra! Ili renkontas neriĉulon radjantan.... Atentu! Atentu!... »

S^{ino} CHAMEROY, admirege.

Ĉarme! Ĉarme! (Al Paŭlo.) kion vi diras pri tio? parolu malkaŝe...

HENRINJO

Jes, parolu... malkaŝe.

PAŬLO, gaje.

Malkaŝe... Nu mi diras ke vi tute maltrafis.

1. Elparolu : Sevinje.

Sino CHAMEROY

Ho?

HENRINJO

Kiel?

PAŬLO

Kial kanti parolante? Kial paroli galopante? Kial ĉesi esti vi mem?

HENRINJO

Sed....

PAŬLO

Ĉu vi dirus interparolante : (Li prenas ŝian lernulinan dirmanieron.) « La ĉefepiskopo de Reims revenis hieraŭ tre rapide el Saint-Germain... vera turnovento....

HENRINJO

Ho! ne!

PAŬLO, li daŭrigas ŝin imitante.

« Li pensas ke li estas granda Moŝto, sed liaj servistoj tion kredas eĉ pli ol li. »

HENRINJO

Kiel! mi estas tiel ridinda?

PAŬLO, plue ŝin imitante.

Ili pasis tra Nanterre, tra! tra! tra! Ili renkontas neriĉulon rajdantan, atentu! atentu! »

HENRINJO

Ho! sufiĉe! sufiĉe! estas malbelege! Sed kion do oni devas fari por bone legi?

PAŬLO

Ho! mi ne taŭgas por vin instrui!... sed mi konas lertulon...

HENRINJO

Mi dungos lin. Poste?

PAŬLO

Kiel, poste?

HENRINJO

Sed ĉio-ĉi estas nur bagatelo, estas necese alveni al la seriozo.

PAŬLO

Al la seriozo! sed ni tenas ĝin... (Montrante la libron.) kun ĉi-tiu ĉarmulino kiun instinkte vi ekamis. Ŝi montras al vi ke oni povas esti kune ridema kaj seriozema. Taŭga por la mondo kaj taŭga por la studo, ĉar ŝi legis ĉion, okupiĝis pri ĉio, interesiĝis pri ĉio, pri scienco sen pedanteco, pri poezio sen afektemo, pri metafiziko sen tedo... kaj se vi aldonas ke ankaŭ ŝi estis la plej honesta el la edzinoj, la plej sindona el l'amikinoj, la plej anema el la patrinoj... amema ĝis heroeco, la malfeliĉulino!... ĉar ŝi mortis flegante sian filinon, kaj tial ke ŝi flegis sian filinon!... (S[ino] Chameroy viŝas siajn okulojn.) Tiam vi komprenos ke ĉiuj miaj konsiloj resumiĝas nur en unu. Vi volas esti bona kaj ĉarma edzino? Nu, jen estas la modelo!... Penadu por ĝin simili!... Ho! bona Dio! jen mi faris paroladon pri Sinjorino de Sévigné! Ne! je mia honorparolo, vi igas min fari nekredeblaĵojn!

S[ino] CHAMEROY, flanken.

Li plaĉas al mi! li plaĉas al mi!

---

## SCENO IX[a]

LA SAMAJ, LA SERVISTO.

LA SERVISTO

Sinjorino, Lia Moŝto alvokas vian Moŝton. Li estas teretaĝe kun ĉiuj mebloj, li ne scias kien sin turni.

S[ino] CHAMEROY

Ho! mi tion kredas! mi aliras. (Ŝi eliras.)

PAŬLO, sekvonte ŝin.

Ni iras ĉiuj.

HENRINJO, gaje, lin haltigante.

Unu lastan konsilon!

PAŬLO, gaje.

Plue! sed mi elspezis tiom kiom mi havis da saĝo! Mi estas malplena!

HENRINJO

Ne ridu, estas tre grave.

PAŬLO

Nu, ni vidu, kio estas?

HENRINJO

Mi havas grandan timon...

PAŬLO

Kian?

HENRINJO

Mi timas... Estas mirige kiom da pensoj venis en mian cerbon de duonhoro! Mi timas ke la mondo kiun mi eniros estos tro nova por mi!... Mi timas ke la familio de Sinjoro de Vérac kaj miaj gepatroj estas tre malsimilaj pri gustoj, pri kutimoj, pri parolmanieroj, kaj ke... mi ŝanceliĝas por klarigi al vi kion mi sentas... mi timas ke miaj gepatroj, kiujn mi tiom amas, ne estos feliĉaj... ke malkompreniĝoj... ke ofendetoj...

PAŬLO

Nu, ĉu vi ne ĉe estos?... Vi povos ĉion antaŭvidi! dank'al via delikateco, ĉar vi estas tre delikata, estante tamen tre malkaŝema, vi estu la voĉo kiu pacigas, la lerteco kiu deturnas la uraganetojn, la ĉarmo kiu ilin malaperigas, la sprito kiu ŝanĝas ilin en ĝojon kaj konsenton.

HENRINJO

Mi provos!... sed...

PAŬLO

Estas ja facile. Tiuj bonuloj, via patrino kaj via bopatrino, via patro kaj via edzo, adoros viu konkurante! nu, igu ilin sin ami pro vi reciproke... kuniĝi pro vi!

HENRINJO, kortuŝite.

Ho! jes, mi komprenas! kiel vi estas bona, tiel parolante al mi! Sed vi devos ĉiam min helpi, ĉiam min konsili! La tasko estas tiel malfacila, kaj mi estas tiel novica! Vi ne devas forlasi vian laboron! Vi devos ofte nin viziti... tre ofte.

PAŬLO

Tiel ofte, kiel vi volos.

HENRINJO

Vi promesas?

PAŬLO

Mi promesas.

HENRINJO

Dankon.

---

## SCENO X[a]

LA SAMAJ, CHAMEROY, S[ino] CHAMEROY.

CHAMEROY, en la kuliso.

Bone! bone! lasu ĉion-ĉi!

S[ino] CHAMEROJ, en la kuliso.

Kaj, rompu nenion!... (Ili eniras.)

PAŬLO

Nu, la mebloj?

CHAMEROY

Al la diablo la mebloj! La edziĝo malsukcesis!

PAŬLO

Kiel?

CHAMEROY

Mi ĵus ricevis leteron.

HENRINJO

De kiu?

CHAMEROY

De Sinjoro de Vérac.

HENRINJO

Nu?

CHARMEROY

Leteron embarasitan, plenan je subparoloj kaj bedaŭroj... sed kiu finiĝas kun foriro!...

PAŬLO

Ho! ho! momenton! Tion mi ne toleros.

(Li kuras al la tablo.)

CHAMEROY

Kion do vi faras?

PAŬLO

Mi respondas al li.

CHAMEROY

Kion?

PAŬLO

Vi ja tuj vidos.

CHARMEROY

Sed...

PAŬLO

Lasu do min fari!

HENRINJO

Jes lasu do la Sinjoron fari.

PAŬLO skribante.

Ho! li pensas ke mi permesos...

CHAMEROY, rigardante lin.

Kia mano! ĝi kuras kiel vento! kia komizo li povus esti!

S^ino CHAMEROY

Sed, kion do vi diras al li?

PAŬLO, stariĝante.

Jen! (Legante) Malspritulo! sensaĝulo! idiotulo!

HENRINJO

Ho! vere krude!

PAŬLO

Inter amikoj... (Legante.) « Kiel! via feliĉo estas en via mano, kaj vi ĝin forĵetas! La ĉielo sendas al vi bopatron neegaleblan! bonan, senartifikan, korplenan!... »

CHAMEROY

Tre bone!

PAŬLO

La bopatrino estas eble iom...

S^ino CHAMEROY

Iom kio...?

PAŬLO

Nenio, nenio, mi forstrekis! (Redirante.) Via bopatrino estas plena je saĝo, je animforto... »

S^ino CHAMEROY

Tre bone! tre bone!

PAŬLO

Kaj la fraŭlino ja estas simpledire trezoro!... »

HENRINJO

Ho, Sinjoro.

CHAMEROY

Se li tiel pensas!

PAŬLO, daŭrigante.

« Kaj vi rifuzas ŝin! Vi rifuzas ĉar vi kredas ke vi estos iom embarasata pro ŝi! Sed krimulo! Ĉu vi scias kion ja vi devas timi? Tio estas ke ĉiuj viaj amikoj enamiĝos je ŝi... kaj unue mi! »

CHAMEROY

Brave, brave!

PAŬLO, plue legante.

Tiel, besto! Alvenu rapidege! Genue petu pardonon pri la letero kiun vi skribis, kaj kiun, pro mi, oni bonvolas pardoni al vi.

CHAMEROY

Estas perfekte! Jen koverto.

HENRINJO malhelpante lin.

Pardonu!

S^{ino} CHAMEROY

Kiel?

HENRINJO al Paŭlo. prenante la leteron.

Sinjoro, ĉu vi pensas ĉion, kion vi ĵus skribis?

PAŬLO

Sendube...

HENRINJO

Vere?

PAŬLO

Mi ĵuras al vi! (Henrinjo estas disŝironta la leteron). Kion tio signifas?

HENRINJO

Tio signifas, Sinjoro, ke vi defendis tre malbone vian amikon... (Ŝi estas ree disŝironta la leteron.)

PAŬLO, sincerege.

Haltu, Fraŭlino! mi vin petegas!... Vian feliĉon vi detruas! la vian kaj la lian!... Mi ne konas pli noblan koron, pli ĉarman spiriton ol Vérac!... kaj mi konas neniun pli indan je li, ol vi! Ho, ĝi ne estas vanaj parolaj amindumaj! Mi konas vin nur de momento, sed tiu momento sufiĉis al mi por vidi kia vi estas, kaj kia vi estos!... Mi petegas vin. Fraŭlino, ne forprenu de mia amiko tian edzinon!

HENRINJO

Mia Dio! kia malbona advokato vi estas! (Ŝi disŝiras la leteron.) Diru al Sinjoro de Vérac ke se li nun al mi revenus, mi ja lin rifuzus.

CHAMEROY

Vi lin rifuzus?

PAŬLO

Kial?

HENRINJO

Kial? mi tion diros al vi alitage... eble neniam, eble morgaŭ! ĉar ni revidos nin reciproke, vi promesis al mi.

PAŬLO, al gesinjoroj Chameroy.

Ĉu vi permesas?

CHAMEROY

Tiel ofte, kiel vi volos.

HENRINJO

Nu, ĝis morgaŭ.

PAŬLO

Ĝis morgaŭ.

(Li eliras.

---

## SCENO XI[a]

CHAMEROY, S[ino] CHAMEROY, HENRINJO, POSTE PAULO.

S[ino] CHAMEROY

Nu, ĉi vi eble klarigos al ni kion tio signifas?

HENRINJO

Tio signifas (Montrante la pordon tra kiu Paŭlo eliris.) ke jen estas tiu. Kun kiu mi edziniĝos!

CHAMEROY

Ho?

HENRINJO

Se li volos min kaj se mi plue trovos lin laŭ mia gusto.

PAŬLO, reenirante.

Pardonu!

HENRINJO

Vi, Sinjoro?

PAŬLO

Sed...

HENRINJO

Kial vi reeniris?

PAŬLO

Nu por preni mian pluvombrelon, kiun mi forgesis, kiu estas por mi kara kaj kiu estas jen.

HENRINJO

Kaj vi nenion aŭdis?

PAŬLO

Nenion.

HENRINJO

Tute nenion?

PAŬLO

Unu vorton, eble.

HENRINJO

Kiun?

PAŬLO

La lastan... « se mi plue »... Ĝis morgaŭ!

(Li eliras.)

863-04. — Coulommiers. Imp. P. BRODARD. — 9-04.